# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

34a jaro Marto-Aprilo 1982 N-ro 2





La haveno Tihany (Balatonlago)

# LABORKONDIĈOJ DE FERVOJISTOJ

Jen temo certe interesa por ĉiu ajn fervojisto. Kaj kiu pli adekvate povus kompari tiajn kondiĉojn sur internacia nivelo ol ĝuste ni esperantistoj? Do, ni klopodu denove. Ĉu denove? Jes, jam en la jaro 1972 niaj japanaj kolegoj aranĝis enketon pri fervojistaj laborkondiĉoj. La rezulto estas publikigita en "Internacia Fervojisto" n-ro 1/1974 p.10-11 kaj enhavis indikojn el 15 landoj.

Kiel ekkoneblas el la tagordo por la plenkunsido de la 34a kongreso en Balatonfüred, ni intencas diskuti sub punkto "laborplano" la enhavon de nova enketo, kiu ebligu komparon kun la enketo farita en 1972. Dek jaroj estas taŭga distanco por konstati, ĉu kaj kiaj progresoj okazis, kaj kiel la mondaj cirkonstancoj influis la laborkondiĉojn de la fervojistoj.

En 1972 la japanoj enketis pri 5 demandoj, nome: laborhoroj po semajno, libertagoj po semajno, jaraj libertagoj, aĝolimo por emeritiĝo kaj procentaĵo de la salajro por emerituloj.

Certe konvenos denove enketi tiujn samajn 5 punktojn. Sed eble troviĝos ankoraŭ tiu aŭ tiu alia demando interesa por ĉiuj. Tamen ĝi devus esti klare difinebla kaj internacie komparebla. Pri tiu ni diskutu en Balatonfüred. Pro tio jam nun ni petas *ĉiujn* landajn asociojn pripensi la kunlaboron en tiu enketo. Kaj ni ankaŭ atentigas ĉiujn membrojn de IFEF, ke ili estas invitataj proponi taŭgajn temojn por tiu enketo en la plenkunsido.

Laŭ la rezulto de la diskuto ni sendos post la kongreso demandilon al la landaj asocioj kaj publikigos la rezulton en IF.

Giessner

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F-78420 Carriéres/Seine
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring
Poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Tolne station, DK 9891 Tolne

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI LA JARO 1981

La jaro estis relative kvieta, kaj fine de la jaro grandpolitiko ankoraŭfoje malhelpis la liberan transliman interŝanĝon de pensoj kaj informoj, eĉ de tiaj banalaĵoj kiaj abon- kaj membrokotizoj.

*Niaj mortintoj*
Denove ni pro vivoĉeso perdis valorajn kolegojn:

Danlando - S A Jensen
Ejnar Bitsch
FRGermanio - Anton Weber
Peter Hermanns
Nederlando - Egbert Drijfhout

Krome tute neatendite mortis la ĝenerala prezidanto de FISAIC, d-ro Emile Schlesser, Luksemburgo.

Ke ili ripozu en paco!

*Membrostato*
La membrostato altiĝis iom en Italio kaj konsiderinde en Francio (post la pasintjara drasta membroperdo). Ĉetere ne estas gravaj ŝanĝoj. Ĉar mankas raporto de 2 landoj, ni ne konas la ekzaktan membronombron. Vidu la raporton de la kasisto, IF 1/1982, pĝ 6).

*Honorigoj*
El la manoj de la nun bedaŭrinde forpasinta ĝenerala prezidanto de FISAIC nia nederlanda amiko kaj longjara batalanto J J Labordus ricevis en la 33a kongreso la Arĝentan Medalon de FISAIC.

En oktobro J Giessner kaj Elfriede Kruse ricevis la meritkrucon de Germana Esperanto-Asocio.

*Agado de la estraro*
Estrarkunvenoj okazis en marto en Løten (Norvegio), dum la 33a kongreso en majo en Regensburg (FRGermanio) kaj en septembro en Paris / Colleville - sur-Mer (Francio).

Vasta spektro de temoj estis pritraktataj, i.a. la kongresoj, la evoluo en diversaj landoj, regularo por skisemajnoj, internaj kaj eksteraj kontaktoj, unuaj faroj okaze de la 100jara jubileo de Esperanto kaj financaj/administraj aferoj.

La estraranoj vojaĝis laŭ siaj eblecoj. Prezidanto plej multe, ĉar li ĉeestis Nordian Kunvenon en Løten (N), prelegis en Kopenhago (DK), partoprenis en Fervojista Tago en Pécs (H), vizitis Bratislava kaj Praha (CS), partoprenis Francan Jarkunvenon en Colleville-sur-Mer

(F) kaj Germanan Jarkunvenon en Offenbach (D).

Vicprezidanto partoprenis en Løten (N) kaj en Colleville (F). Survoje al Regensburg li ĉeestis kunvenon en Kopenhago.

Sekretario ĉeestis la hungaran jarkunvenon en Budapeŝto (H) kaj la danan en Fredericia (DK), partoprenis en Løten (N) kaj Colleville (F).

Kasisto ĉeestis en Løten (N), en Fredericia (DK) kaj en Colleville (F). Krome li partoprenis - kiel reprezentanto de Danlando - la FISAIC-ĝeneralkunvenon en Tours (F).

Redaktoro ĉeestis en Colleville (F).

Ĉiuj estraranoj estas aktivaj en siaj landaj asocioj krom en IFEF. Prezidanto eĉ prezidis la LKK-on de la 33a IFEF-kongreso.

*Laborplano*
Daŭre aperas Esperanto-klarigo en diversaj fervojaj horaroj. Tio estas labortereno ege grava kaj la landaj aktivuloj estas petataj ĝis maksimume strebi por atingi ankoraŭ pli.

*Pri diversaj landaj asocioj*
El Pollando mankas informoj pri la efiko de nia laboro pro la gravaj kaj tragikaj eventoj tie.

En Ĉeĥoslovakio ŝanĝoj ŝajne estas kaŭzitaj de novaj internaj leĝoj.

En Britio supozeble estas kelkaj administraj malfacilaĵoj.

Sed ĝenerale la landaj asocioj laboras trankvile kaj stabile por teni la torĉon flamanta, ĝis povos ĝin transpreni la venonta generacio.

*Aranĝoj*
*a) 33a Kongreso de IFEF*
Ĝi okazis 15a-21a de majo en Regensburg (FRGermanio) kun 515 partoprenantoj el 18 landoj. Protokolo pri ĝi aperis en IF 3/1981. Elstaris multaj programeroj, kaj precipe impresis la alta kultura nivelo de la aranĝo.

Koncerto kaj ekumena diservo, ambaŭ en la belega preĝejo de Sankta Emmeram, Regensburga bukedo, magia vespero far Triksini, ekskursoj al ravaj pejzaĝoj estas nepreterpaseblaj eventoj.

Fakprelego pri "Trajno sen radoj, naskiĝo kaj maturiĝo de la magnetglita tekniko en la Federacia Respubliko Germanio" estas majstraĵo verkita kaj prezentita de Gernot Ritterspach.

Establo de radioamatora sendstacio en kongresejo kaj prezentado de fervojaj uniformoj

el 16 landoj estis aliaj gravaj programeroj.

Sukcesa provo establi Literaturan Konkurson kun temo "La Verda Relo" rezultigis pli ol 60 kontribuaĵojn. Parto de ili estas eldonita de Literatura Foiro kiel 56paĝa kajero.

*b) 22a Internacia Skisemajno*
Ĝi okazis en Bohinj (Jugoslavio) 7a-14a de februaro 1981. Aliĝis 106 personoj el 10 landoj. Ĝi sukcese disvolviĝis sub lerta gvido de jugoslavaj kolegoj. Posta plendo pri konkursa sistemo rezultigis novan Regularon, publikigitan en IF 6/81.

*c) Fervojista Kontaktkunveno dum 66a UK*
Ĝi okazis la 30an de julio en Brasilia kun partopreno de 14 personoj el 8 landoj. Prezidis Astrid Birkbak, sekretario de DEFA. Bedaŭrinde oni ne ekhavis kontakton kun brazilaj Esperanto-kolegoj.



*Eksteraj rilatoj*
Kun Universala Esperanto-Asocio ni havas bonajn kontaktojn. Ties prezidanto ĉeestis en Regensburg kaj kunvenis kun la estraro.

Kun FISAIC la rilatoj estas sobraj, kaj ni strebas por helpi al la organizo pri ĝia lingvoproblemo.

Post plurjaraj klopodoj nun ŝajnas, ke kun FIRAC (la fervojistoj-radioamatoroj) establiĝos bonaj kontaktoj.

*Perspektivoj*
La proksimiĝanta 100jara jubileo de Esperanto metas antaŭ ni novan defion, kaj kune kun la Manila Deklaracio pri Monda Turismo kaj la kreskanta priatento de fakaj Esperanto-organizoj ni bezonas ĉiujn disponeblajn laborfortojn.

- - -

Pro via indulgo dum la pasintaj du jaroj dankas

E Henning Olsen, sekretario

# EL NIAJ LANDAJ ASOCIOJ

*FRGermanio*

GEFA-jarkunveno 1982 en Friedberg.

Lastjare la 25a jarkunveno de la Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) disvolviĝis malgraŭ sia jubilea karaktero en modesta maniero. Pro la antaŭa 33a IFEF-kongreso, kiun GEFA estis aranĝinta en Regensburg, laŭdire kun sufiĉe granda sukceso, oni ne volis kunvoki la membrojn de GEFA jam denove post nur kelkaj monatoj. Tamen ankaŭ tiu kunveno por la oficialuloj de GEFA havis allogan programon, kiel poste BULTENO raportis.

Ĉi tiun jaron, laŭ invito de la distrikto Frankfurt, la heslanda urbo Friedberg kun sia historia urbokerno kaj renesancstila kastelo gastigos la 26an jarkunvenon de GEFA de la 15a ĝis la 17a de Oktobro 1982. El la riĉa programo estas menciindaj: gaja kunestado vendredon vespere, vizito al la kastelo kaj aliaj vidindaĵoj sabaton matene, ekskurso per aŭtobusoj al la Taunus-montaro kaj vizito al la subĉiela muzeo Hessenpark kun malnova faktraba domaro, festvespero kun sekva dancado, dimanĉa matineo kun sonfilmo pri la 34a IFEF-kongreso en Hungario.

LKK elektis kiel kongresejon la modernan urbohalon, kie nova Esperanto-ekspozicio altiros la atenton de la vizitantoj. La hoteloj por tiuj, kiuj aliĝas sufiĉe frue, situas proksime al la kongresejo. La vojaĝdaŭro inter Frankfurt, Hanau kaj Giessen estas maksimume 30 minutoj. Do la kongresloko Friedberg situas favore, ankaŭ por eksterlandaj gastoj, kiuj estas bonvenaj kiel ĉiam. Ili petu aliĝilon de s-ro Egon Kiefer, Berliner Str. 51, D-6377 Steinbach/Ts.

W.B.

*Ĉeĥoslovakio*

De tempo al tempo oni devas rememorigi pasintecon, nuntempon kaj estontecon de Esperanto al neesperantistoj; Pro tio decidis la loka grupo de esperantistoj en Česka Třebová realigi ekspozicion en la kultura ĉambro de la stacidomo Ĉeĥoslovakaj ŝtataj fervojoj en Česká Třebová, grava fervojnodo en Ĉeĥoslovakio.

La ekspozicio estis dividita je 10 grandaj ekspoziciokadroj. Unue estis montrita historio de Esperanto tutmonda kaj nacia

daŭrigo sur paĝo 35.

# LABORPLANO DE IFEF

*I. Taskoj de IFEF*

1. Plenumi la decidojn de la komitato

2. Doni konsilojn al la landaj asocioj

3. Interrilati kun instancoj kaj aŭtoritatoj
   3.1 Fervojaj instancoj interkonsente kun landa asocio
   3.2 FISAIC (kun landaj sekcioj nur interkonsente kun landa IFEF-asocio)
   3.3 Aliaj fervojistaj organizoj (kulturaj, artaj, libertempaj, sportaj) interkonsente kun landa asocio
   3.4 ITF
   3.5 Nefervojistaj instancoj kaj organizoj interkonsente kun landa asocio

4. Interrilati kun Esperanto-organizoj
   4.1 UEA
   4.2 SAT
   4.3 IEMW
   4.4 aliaj

5. Kolekti kaj disponigi informojn
   5.1 Kolekti gravajn informojn kaj aĵojn
   5.2 Disponigi informojn al interesuloj
   5.3 Utiligi la IFEF-kongresojn kaj ĉiun taŭgan okazon por informi la publikon

6. Instigi landajn asociojn organizi internacian skisemajnon kaj sportajn konkursojn en kadro de Esperanto-aranĝoj

7. Instigi ĉiuspecan kulturan agadon de la landaj asocioj

8. Instigi kaj subteni la agadon de la junularo

9. Iniciati kaj helpi en la organizado de novaj landaj asocioj

10. Ĝenerale favorigi varbadon ĉiuspecan
    10.1 Intensigi la varbadon de novaj membroj
    10.2 Varbi izolajn membrojn
    10.3 Varbi adoptitojn kaj rekomendi ilin al la koncerna landa asocio

11. Progresigi kaj subteni la terminaran laboron

12. Kolekti kaj okaze publikigi statistikojn kaj historiajn datojn

*II. Taskoj de la landaj asocioj kaj ties lokaj societoj*

21. Plenumi la decidojn de la komitato

22. Interrilati kun instancoj kaj aŭtoritatoj
    22.1 Fervojaj instancoj
    22.2 Fervojistaj sindikatoj
    22.3 Landaj FISAIC-asocioj
    22.4 Aliaj fervojistaj organizoj (kulturaj, artaj, sportaj)
    22.5 Nefervojistaj organizoj
23. Organizi jarkunvenojn

24. Organizi komunajn aranĝojn kun aliaj asocioj

25. Interrilati kun Esperanto-organizoj
    25.1 Landaj asocioj de UEA
    25.2 Landaj grupoj de SAT
    25.3 Aliaj

26. Informado en plej vasta senco

    26.1 Kolekti gravajn informojn kaj sendi ilin al IFEF
    26.2 Nomumi respondeculon, kiu provizas la redaktoron de la IFEF-organo kaj la Informan Fakon de IFEF per aktualaj novaĵoj
    26.3 Informi la vastan publikon
    26.4 Informi fervojajn administraciojn kaj fervojistajn sindikatojn
    26.5 Informi en propra medio (deĵorejo k.s.)
    26.6 Aranĝi ekspoziciojn
    26.7 Kromaj aktivecoj (flugfolioj, afiŝoj, sonbendoj, diskoj)

27. Varbado
    27.1 Plialtigi la membronombron
    27.2 Aranĝi lingvokursojn
    27.3 Zorgi pri instruado en faklernejoj
    27.4 Prizorgi la membrojn, precipe novajn
    27.5 Instigi al utiligo de la "Koresponda Servo" de IFEF
    27.6 Trovi novajn adeptojn kaj subtenantojn

27.7 Prizorgi la adoptitojn
27.8 Fondi lokajn grupojn

28. Junulara agado
28.1 Kunlaborigi junulojn kun la landa estraro
28.2 Organizi junularajn aranĝojn
28.3 Aliĝi al la "Pasporta Servo" de TEJO
28.4 Interrilati kun neesperantistaj junulaj organizoj

29. Eldoni landan organon aŭ minimume informilon

30. Terminara laboro
30.1 Intensigi la terminaran agadon sur nacia nivelo en kunlaboro kun la Terminara Komisiono
30.2 Eldoni terminareton nacilingvan

*III. Taskoj de komisionoj kaj komisiitoj*

41. Terminara Komisiono
41.1 Intensigi, koordini kaj raciigi la terminaran laboron sur internacia nivelo
41.2 Intensigi la terminaran laboron sur nacia nivelo
41.3 Eldoni laŭbezone internacian komunikilon (Terminara Kuriero)
41.4 Traduki internaciajn reglementojn
41.5 Recenzi tekstojn de fervojfaka enhavo

42. Fakprelega Komisiono
42.1 Zorgi por lingve senriproĉaj fakprelegoj
42.2 Instigi al tradukado de fakprelegoj en naciajn lingvojn
42.3 Sugesti koncizajn klerigajn informojn pri fervojaj aktualaĵoj ĉiulandaj

43. Komitatano A de UEA
43.1 Reprezenti IFEF en Universalaj Kongresoj
43.2 Specialaj taskoj laŭ komisio flanke de estraro kaj komitato
43.3 Raporti skribe kaj buŝe pri sia agado al estraro kaj komitato

*IV. Diversaĵoj*

101. Ĉio menciinda, kiu ne trovas lokon sub iu ajn el la supraj punktoj

# REDAKTORA RAPORTO

**Por** la lasta fojo, en la lasta bulteno, kiun mi prizorgas, mi raportas pri mia agado en 1981 kaj eĉ pli ĝenerale de post .. 1974.

La laboro de la redaktoro dum tiuj 8 jaroj precipe konsistis en utiligo de la materialo, kiun li ricevis.

Nur okaze mi redaktis (kiel hodiaŭ). Tio eble ne estas logika, ĉar "redaktoro" devus "redakti" ĉu ne? Jes, certe, kaj mi konfesas, ke tro ofte mankis al mi ĉu la tempo, ĉu la ideoj, ĉu ..... la kuraĝo cerbumi pri iu leginda artikolo.

Krome, la redaktoro devus ankaŭ kontroli la bultenon post la presado. Sed, ĉar la presoj estis sinsekve en Nederlando, en Danlando kaj nun en FRGermanio, ne estis eble por mi fari tiun laboron.

Do, restis la tasko ne tro peza, prezenti la disponeblan materialon. Ne tro peza, sed kelkfoje tikla. Tikla, ĉar la tasko juĝi pri la kvalito aŭ taŭgeco de la ricevitaj verkoj ne estas ĉiam facila.

Pri la formo la redaktoro ricevas normale la helpon de kompetentaj korektantoj, kiuj ĝis nun sukcesis konservi al nia bulteno sufiĉe bonan gramatikan kaj lingvan nivelon.

Kompreneble, erarojn oni trovis, kiuj ĉagrenigis la legantojn; sed mi opinias ke tio ne okazis tre ofte.

Pri la enhavo de la artikoloj, la afero estas iom malfacila, ĉar la opinio de la redaktoro, kiu ĝenerale decidas sola pri tio, ne ĉiam plaĉas al ĉiuj. Estas normale kaj eĉ dezirinde ricevi kritikojn, rimarkojn, ĉar tio pruvas, ke la legantoj interesiĝas pri nia bulteno. Do, eĉ se mi grumblis kelkfoje, mi dankas sincere ĉiujn, kiuj skribis al mi por kritiki, ĉar ili alportis ĝenerale tre interesajn argumentojn.

Kaj nun venas la momento danki ĉiujn, kiuj sendis al mi materialon por IF (eĉ se mi ne havis eblecon uzi ĝin..). Mi rimarku, ke plej ofte estis la IFEF-estraranoj, sed ankaŭ multaj verkintoj el la landaj sekcioj.

Sufiĉe ofte mi plendis pro la manko de informado el la landoj, kiuj kune formas la Federacion, kaj al kiuj la paĝoj de

IF ankaŭ apertenas.

Espereble la nova redaktoro sukcesos persvadi la responsulojn de tiuj landoj pri la utileco informi la legantaron.

Al tiu nova redaktoro, kiun mi konas, kaj kiu tutcerte pli bone ol mi kapablos prezenti agrablan kaj taŭgan bultenon, mi deziras tutkore: "Bonan Sukceson kaj ... Bonan Kuraĝon".

La karajn geamikojn de la IFEF-estraro, kun kiuj mi havis (kaj esperas konservi ...) bonegajn rilatojn, mi ankaŭ dankas kaj petas pardonon, se mi ne ĉiam regule ĉeestis la IFEF-estrarkunsidojn.

Post la 34a kongreso mi ne plu estos IFEF-estrarano, sed mi restas IFEF-ano, kaj ĉar mi estas nun pensiulo (kaj do *teorie* pli libera ....), mi restas je la dispono de IFEF (kaj de la franca sekcio FFEA, kompreneble) por helpi kaj alporti al nia movado ĉiujn miajn fortojn.

Ĝis revido ...

la redaktoro
Guy Delaquaize

# JUBILEO EN BREMEN

## MERITKRUCOJ DE GEA POR J. GIESSNER KAJ E. KRUSE

El bulteno de GEFA (n-ro 5/1981) ni ĉerpis jenajn informojn:

"Elsbeth Bormann, GEA, surprizis GEFA-prezidanton Joachim Giessner per meritkruco de GEA, kaj eĉ duan krucon ŝi alportis por transdoni ĝin al Elfriede Kruse.

Jen elstara rekono por la gravaj aktivecoj alportitaj de ambaŭ al la Esperanto-movado en Germanio okcidenta."

La okazo estis la 75jara jubileo de la Esperanto-grupo Bremen kaj la datoj estis 3a-4a de oktobro 1981.

La redakcio kore gratulas al la prezidanto kaj eksekretariino de IFEF pro tiu meritita honorigo.




# PRI LA 34A IFEF-KONGRESO

Pli ol 2 semajnoj post redaktofino alvenis Oficiala Komuniko n-ro 3. Per aparta fortostreĉo ni sukcesis enigi kelkajn el ĝiaj informoj, jen:

Antaŭvideble estas tumulto ĉe la alveno. Por faciligi la aferon, ke la alvenontoj plej baldaŭ akiru, atingu sian hotelĉambron, Soziálturiszt proponas, ke oni laŭeble plej baldaŭ ĝiras la prezojn de la menditaj servoj je la ĉekkonto de Soziálturiszt, nome: "Magyar Nemzeti Bank, OTP 218 98339, SZOT 10416".

Sube ni ripetas la prezojn jene:

| | |
|---|---|
| hotelĉambro dulita po persono kaj po tage | 42 ned.gld. |
| Hotelĉambro unulita po persono kaj po tage | 60 ned.gld. |
| ŝip-promenado | 7 ned.gld. |
| duontaga ekskurso per aparta aŭtobuso | 14 ned.gld. |
| tuttaga ekskurso per aparta aŭtobuso | 23 ned.gld. |
| postkongresaj programeroj entute | 50 ned.gld. |
| hotelĉambro dulita en Budapest inkluzive nur matenmanĝo po persono kaj po tage | 19-60 ned.gld. |
| tagmanĝo aŭ vespermanĝo po persono kaj po tage | 9-15 ned.gld. |

Memkompreneble la prezojn oni povas egaligi per propra nacia valuto egalvalore la menciitajn tarifojn.

Szociálturiszt promesas, ke tiuj, kiuj ĝiras la monon de ĉiuj menditaj servoj tuj je la alveno ricevos la ŝlosilon de sia ĉambro, kaj la fina kalkulo, kontrolo kaj kvitigo povas okazi en la sekvontaj tagoj. Tiuj, kiuj ne antaŭpagas, devas pagi ĉe la giĉeto. La proponita metodo de Szocialturiszt rapidigas la aferon ĉe la alveno.

Tre grave!!! Ne forgesu kunporti ĉiun kvitancon pri viaj enpagoj.

Pli granda interesiĝo estas pri la 34a IFEF-kongreso ol la eblecoj estas je la dispono. Bedaŭrinde la eblecoj ne estas senfinaj, pro tio LKK devis limigi la nombron de kongresanoj je 700 partoprenantoj. Krome por la postkongreso LKK povas akcepti maksimume 150 personojn! Tiu ĉi lasta ebleco (aliĝi por postkongreso) jam elĉerpiĝis.

La granda salono de la kongresejo povas enteni maksimume 300 personojn. La ceteraj povas esti en la apudaj du malpli grandaj salonoj (100-100 personoj) kaj la pluaj en la diversaj konversaciejoj.

Kelkaj personoj enpagis la aliĝkotizon pere de la IFEF-kaso, sed LKK ne ricevis ilian aliĝilon. Temas pri jenaj: Clementina Ceci, Faradont, A. Fichter, Corso Giho. Ili urĝe sendu la aliĝilon al la adreso de LKK.

La duontagaj ekskursoj okazos jene: proksimume la unua duono partoprenos la ekskurson B-1, kaj la alia duono partoprenos la ekskurson B-2.

Ekstrakto de la programo:

| | | |
|---|---|---|
| la 2an de majo | 20.00-23.00 | interkona vespero kun vespermanĝo |
| la 3an de majo | 8.30- 9.30 | ekumena diservo |
| | 9.30-10.00 | prezentado de uniformitaj fervojistoj |
| | 10.00-12.00 | solena malfermo de la kongreso |
| | posttagmeze | kunsidoj de diversaj komisionoj |
| | 20.00-22.00 | ekskurso A: ŝippromenado |
| la 4an de majo | 9.00-12.00 | nepublika komitatkunveno |
| | 14.00-18.00 | duontaga ekskurso |
| la 5an de majo | 9.00-12.00 | plenkunsido publika |
| | 14.00-16.00 | fakprelego |
| | 16.00-18.00 | kunsido de Terminara Komisiono |
| | 20.00-23.00 | distra programo - kulturvespero |
| la 6an de majo | 8.30-18.00 | tuttaga ekskurso |
| | 20.00-24.00 | internacia balo |
| la 7an de majo | 9.00-11.30 | plenkunsido publika |
| | 14.00-16.30 | kunsido de Terminara Komisiono |
| | 17.00-18.00 | solena fermo de la kongreso |
| | 20.00-24.00 | Adiaŭa vespero |

Sozialturiszt deklaras, ke ĝi akceptas nur

vojaĝĉekon – devizan valuton – bankĝiron – enpagon per poŝtĉeko

Neniun alian pagilon!

Horaro de Hegyeshalom (landlimo) ĝis Balatonfüred sen tuŝo de Budapest:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | trajno-kategorio | | P | P | P | |
| loko | trajno-numero | | 5815 | 13 | 45 | |
| Hegyeshalom | starto | | 8.08 | 12.28 | 15.58 | |
| Györ | alveno | | 8.59 | 13.19 | 16.49 | |
| | trajno-kategorio | | | | R° | |
| | trajno-numero | | | | 2801 | |
| | starto | | 9.05 | 13.55 | 17.10 | |
| Komárom | alveno | | 9.42 | 14.32 | 17.44 | |
| | trajno-kategorio | P | P° | P° | | x P |
| | trajno-numero | 2817 | 2815 | 2813 | | 2811 |
| | starto | 4.40 | 11.25 | 15.00 | 17.46 | 18.08 |
| Székesfehérvár | alveno | 6.40 | 13.15 | 17.05 | 19.18 | 19.50 |
| | trajno-kategorio | R° | P° | P° | R° | P° |
| | trajno-numero | 2102 | 2114 | 2118 | 2108 | 2128 |
| | starto | 7.41 | 13.54 | 20.10 | 19.27 | 23.02 |
| Balatonfüred | alveno | 8.57 | 15.18 | 21.43 | 20.39 | 0.25 |

Fervoj-horaro inter Budapest Déli pu. kaj Balatonfüred:

| loko | trajno-kategorio | R | P | P | P | R | P |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | trajno-numero | 2102 | 2112 | 2114 | 2116 | 2108 | 2128 |
| Budapest-Déli | starto | 6.30 | 8.00 | 12.45 | 15.10 | 18.20 | 21.35 |
| Székesfehérvár | alveno | 7.39 | 9.11 | 13.52 | 16.24 | 19.25 | 23.00 |
| | starto | 7.41 | 9.14 | 13.54 | 16.26 | 19.27 | 23.02 |
| Balatonfüred | alveno | 8.57 | 10.42 | 15.18 | 17.49 | 20.39 | 0.25 |

Klarigo de la signoj: P signifas pasaĝertrajnon ĉiustacian, R signifas rapid-trajnon, x signifas: la trajno trafikas NUR dimanĉe KAJ la 1an de majo, ° signifas: oni devas preni alian trajnon.

daŭrigo de paĝo 26

kun rara materialo el jaro 1920, poste sekvis historio de E-movado en Česká Třebová ĝis nuntempo kun multaj fotografaĵoj, raportoj, informoj el pli ol 20jara riĉa agado. Allogaj estis E-gazetoj fervojistaj kaj aliaj, bele afrankitaj kovertoj kaj bildkartoj kun stampoj el diversaj kongresoj. Substrekita estis la signifo de Esperanto por tutmonda paco kaj internacia amikeco.

Interesa ekspozicio montris al lokaj civitanoj kaj al multaj vojaĝantoj, kiuj devas ofte trajnŝanĝi en Česká Třebová, ne nur la historion, sed ankaŭ la gravan signifon de Esperanto por nuntempa vivo.

Jiří Pištora

---

# NEKROLOGO

*Ĉeĥoslovakio*

En monato februaro ni ricevis tristan sciigon: mortis s-ano Jindřich Štancl, modesta kaj oferema homo, kiu plene ekkomprenis la signifon de Esperanto kiel internacian lingvon.

Esperanton li komencis lerni post la dua mondmilito, metode pliperfektiĝis pri ĝi kaj baldaŭ atingis eminentajn kvalitojn. Per sia agado kaj persona humoro li akiris multajn amikojn ne nur enlande, sed ankaŭ en multaj landoj de la tuta mondo.

En la jaro 1960 li estis kunfondinto de E-grupo en urbo Česká Třebová kaj iĝis eminenta en multaj respondecaj funkcioj de tiama kultura organizaĵo "Uzina klubo de fervojistoj". Li laboris ĉiam, kie necesis, sed lia plej grava agado estis instruado de Esperanto. Dum lia preskaŭ 15jara pedagoga agado li edukis longan vicon de fervojistoj-Esperantistoj sur bona lingva nivelo. Por sia oferema laboro kaj edukado li estis elektita kiel honoran membron de E-grupo "Amikeco" en Česká Třebová, kaj Ĉeĥa Esperanto Asocio alte taksis liajn meritojn. Al la bela ideo de Esperanto li restis fidela ĝismorte.

La E-movado pro la forpaso de Jindřich Štancl perdis oferemam kaj laboreman homon, kiu faris multon por disvastigo de Esperanto kaj restos daŭre ĉizita en la koro de ĉiuj E-istoj, kiuj lin konis ĉe ni kaj eksterlande. Lia agado ĉiam restos modelo por tiuj, kiuj transprenis lian lokon en la vico.

Inĝ. Emil Jindřich

## ANONCETO EL RUMANIO

Sporta Asocio DELTANA

(P.O. Box 10, R-8829-Sulina, Romania)

organizas III-an eldonon de la internacia

DELTA PERKORESPONDA ŜAKTURNIRO

al kiu ni varme invitas partoprenantojn el tuta mondo. Enskribo ĝis 15.10.1982, senpaga por fremdaj ŝakludantoj.

Premioj - pokaloj - diplomoj.

Grava sukceso por la rumana Esperanto-movado:

Sporta Asocio DELTANA el urbo Sulina (kie la Danubo verŝiĝas en Nigra Maro) eldonas monatan ŝakrevuon, kiu enhavas E-kurson por ŝakludantoj, samtempe paĝoj en Esperanto por la informado de la fremdaj ŝakistoj.

Gratulojn meritas ĝian ĉefredaktoron s-ro Laszlo Noel, fervora disvastiganto de Esperanto inter ŝakludantoj el Rumanio.

---

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



---

La redaktofino por la venonta IF estas 5.6.82.

Preso: Esperanto-Press Augsburg, Seitzstr. 14, D-8900 Augsburg
Tel. 0821/41 92 13 + 48 81 49